JARO XV, Sofia—Bulgario
julio — aŭgusto 1971, № 3

# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## LONDONO, KONGRESURBO 1971



*Prof. d-ro Ivo Lapenna*

## Por pli efika informado (5)

### PRI KIO INFORMADI?

Por altigi la kvaliton de nia informado estas necese akcenti ĉion, kio montras la kulturan kaj praktikan valorojn de la internacia Lingvo. Se oni konsideras la ĉiaspecajn obstaklojn, kiujn renkontis ĝia disvastiĝado tra la mondo — antaŭjuĝoj, foresto de financaj rimedoj, nacia ŝovinismo kaj faŝismo, militoj kaj aliaj internaciaj streĉitecoj — la atingoj de Esperanto estas elstare grandaj, multrilate vere admirindaj. Bedaŭrinde, pri tiuj atingoj la vasta publiko apenaŭ ion scias. Eĉ kleraj personoj havas preskaŭ nenian aŭ, en la plej bona kazo, nur mankan kaj tial *deformitan bildon.*

Grava tasko de niaj informaj fakoj estas liveri objektivajn sciigojn kaj klarigojn pri la Esperanta traduka kaj originala literaturo, sciencaj verkoj, Internacia Somera Universitato, belartaj kaj oratoraj konkursoj, gazetaro, radio-elsendoj, delegita reto, aplikoj de la lingvo dum vojaĝoj kaj en profesia laboro, internaciaj kongresoj kaj aliaj renkontiĝoj ktp. La atingoj de Esperanto estas tiel multnombraj kaj en kelkaj sferoj tiel vastaj, ke la problemo certe ne estas kion diri, sed prefere kiel elekti la plej interesajn kaj plej gravajn aspektojn. CED faras utilan laboron ankaŭ tiurilate. Ĉiaj dokumentoj estas regule sendataj al ĉiuj landaj asocioj, al la informaj fakoj, Esperantaj fakoj de radio-stacioj. En ili troviĝas abunda materialo kun objektivaj faktoj. Necesas nur utiligi ilin eĉ pli multe ol ĝis nun por la celoj de informado. Tio helpos al plibonigo de ĝia kvalito.

Red. rim: Ni represas ankaŭ la 5-an artikoleton de I. L. el „Esperanto", majo 1971

---

## FILIO DE TEĴA EN ANGLIO

Dank' al la klopodoj de s-ano A. W. Thomson (Avoto), helpata de nia kolego Mildwurf, oni preparas starigon de filio de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio en Anglio. S-ano Mildwurf konsentis esti provizora prezidanto de la filio. Antaŭ nelonge s-ano Thomsom varbis sep membrojn. Kiam la membroj estos 10—12, oni fondos la filion.

La filio, kunlaborante kun TEĴA kaj aliaj alilandaj filioj, intencas organizi tutmondan kampanjon por organizita gazetservado, simila al Reuter, Tass, ktp.

La filio preparos ankaŭ la jarkunvenon de TEĴA, kiu okazos dum la Londona Universala Kongreso de Esperanto ĉi-jare.

## ESPERANTO EN LA RADIO

*La radio-disaŭdigoj estas sfero, kiun Esperanto daŭre kaj firme penetris. Minimume dudeko da radiostacioj adoptis Esperanton kiel lingvon, per kiu ili atingas internacian publikon por la celoj de l' informado. La sendstacioj en Varsovio, Berno, Sofio, Romo, Zagrebo k. a. urboj jam delonge uzas Esperanton en siaj emisioj.*

*Ni esperantistoj estas interesataj pri la ĉiam pli vasta uzado de Esperanto en la radio. Oficiala uzado de nia lingvo de tiel gravaj institucioj por amasa publika informado donas aŭtoritaton al nia afero, ĝi signifas praktikan aplikon, kaj sekve rekonon, propagandon kaj vastigon de nia lingvo.*

*Laŭ la ŝajno, nun ĉio funkcias bone: la radiostacioj elsendas, la esperantistoj estas kontentaj, supozante, ke la rezultoj de la elsendado estas bonaj. Multaj el ni aŭskultas pli malpli regule la disaŭdigojn, sed neniam aŭ tre malofte kontaktas kun la sendstacioj. Al la adreso de la sendstacioj ordinare venas malmultaj leteroj de esperantistoj. Ekz. al Radio Sofio, kiu regule ĉiun semajnon elsendas en Esperanto, dum la tuta jaro 1970 venis nur kelkaj leteroj! La konkludo? Ĝi trudiĝas per si mem: la Esperanta emisio ne estas aŭskultata, intereso al ĝi mankas, do ĝia daŭrigo ne estas pravigebla. En similaj okazoj oni proponas l i k v i d o n d e l' e m i s i o. Pri tio, bedaŭrinde, ne mankas precedencoj, gravajn poziciojn ni jam perdis (Budapeŝto).*

*Kion do fari? Kiel stabiligi la funkciantajn Esperanto-emisiojn, restarigi la ĉesigitajn, konkeri novajn?*

*La sola rimedo estas aktivigi nin mem, pli ofte aŭ almenaŭ de tempo al tempo skribi al la aŭskultataj sendstacioj, dividi kun ili niajn impresojn pri l' enhavo kaj aŭdebleco de l' elsendo, fari sugestojn, proponi plibonigojn, postuli pli interesajn programojn.*

*Aŭskultante regule radio-elsendojn en Esperanto, ni ja ĝuas agrablajn minutojn, ekscias novaĵojn pri la Esperanta movado, perfektiĝas lingve, lernas paroli klare, adoptas internacian, vere Esperantan prononcadon.*

*La skribado de leteroj devas okazi organizite. La lokaj societoj, grupoj k. a. kolektivoj devas meti en la tagordon de sia kunveno la demandon pri starigo de pli malpli konstantaj kontaktoj kun la sendstacioj.*

*La nura fakto, ke esperantistoj aŭskultas la emisiojn, ke estas ricevataj leteroj, impresas la gvidantojn de la radio-elsendoj, ili konvinkiĝas, ke la elsendoj estas vivaj, necesaj, kaj la rezulto estas, ke oni daŭrigas plue la elsendadon en Esperanto kaj eĉ oni vastigas ĝin. Pruvo pri tia rilato estas la Esperanto-disaŭdigoj de Radio Varsovio.*

*La skribado de leteroj al la radiostacioj tamen ne devas prezenti mallongedaŭran, unufojan kampanjon; ĝi devas esti organizita tiel, ke ĝi daŭru konstante. La ofero de ioma tempo, de iomaj klopodoj por skribado de leteroj kompensiĝos riĉe per la stabiligo de l' Esperanto-emisioj.*

*Kolegoj kaj samideanoj! Aktive partoprenu la klopodojn por plua penetro de Esperanto en la radion!*

**A. Grigorov**
*(El „Interligilo", 5/1970)*

## KONTRAŬ LA RASISMO KAJ LA RASA DISKRIMINACIO

*La rasistoj—ĉu ili estas hitleristoj, aŭ sudafrikaj rasdiskriminaciistoj, aŭ aliaj —estas la plej reakciaj kaj kontraŭhomamaj figrupoj de la nuna homa socio. Tial la tutmonda esperantistaro unuanime subtenis la decidon de la Unuiĝintaj Nacioj deklari la nunan jaron 1971 „Internacia Jaro de Agado por Kontraŭbatali Rasismon kaj Rasan Diskriminacion". La adeptoj de la Internacia Lingvo aktive apogis ankaŭ la entreprenitajn de UNESKO publikajn konferencojn kaj aliajn ĝiajn kontraŭrasismajn manifestaciojn subtitolitajn „La Rasa problemo kaj la moderna penso".*

*Ni bone scias kaj konas la kontraŭrasisman starpunkton de L. L. Zamenhof — la kreinto de Esperanto. Volonte li fordonis sian homecan kreaĵon al la homaro por servi al la plibonigo de la interpopolaj rilatoj, al la interkonatiĝo kaj amikiĝo de la homoj, al la tutmonda paco. Laŭ sia statuto Universala Esperanto - Asocio ankaŭ celas plifaciligi la ĉiuspecajn spiritajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri nacieco, raso, religio, politiko aŭ lingvo.*

*Kompreneble, en la centro de la kampanjo de UN kaj UNESKO, en la unuaj vicoj de la batalo kontraŭ la rasismo kaj ras-apartismo staras kaj devas okupi la antaŭajn batalvicojn la ĵurnalistoj. Ili povas partopreni la manifestaciojn de UNESKO kaj de ĉiuj aliaj organizaĵoj celantaj senmaskigi la rasistojn kaj ras-apartistojn, la ekstermantojn de pacaj popolanoj en militantaj landoj ktp.*

*Apogante sin sur sciencajn pruvojn, la ĵurnalistoj devas publikigi artikolojn, intervjuojn, skizojn kaj aliajn materialojn kontraŭ la malhomecaj konvinkoj kaj agoj de homoj, partioj, ŝtatoj, kiuj subtaksas, subpremas, apartigas aŭ ekstermas per malhomecaj armiloj kaj kemiaĵoj popolojn de alia raso, religio, lingvo, nacieco. La batalantoj de la amasa popolinformado devas doni sian moralan apogon al ĉiuj kontraŭrasismaj aktivadoj dum 1971 kaj ĉiam estonte, se necese. Al tiu nobla celo niaj kolegoj kontribuos ankaŭ per sia vasta informado per la gazetoj, radio kaj televidelsendoj ktp.*

*Ni konsentu kun s-ro V. Sadler, kiu skribis en „Esperanto" de UEA (aprilo 1971) pri la konvinko de UEA; „La pozicio de la Esperanto-movado antaŭ rasismo kaj rasa diskriminacio devas esti senkompromisa. En 1971 ni faru specialajn klopodojn por konstrui pli facilajn rilatojn ne nur inter ĉiuj lingvaj grupoj, sed ankaŭ inter ĉiuj rasoj de la mondo."*

*Tiun pozicion de UEA subtenas ĉiu honesta ĵurnalisto kaj laboras por ĝia popularigo kaj akcepto de ĉiu esperantisto. Li laboras kaj senĉese devas aktivadi por ke ĉiu jaro estonta estu Internacia Jaro de Agado por Kontraŭbatali Rasismon kaj Rasan Diskriminacion, por ke ĉiu jaro estu Internacia Jaro de Interpopola Amikeco.*

*I. Es.*

---

*R. T. Sandberg*

## LA REDAKTA ARTO GRAVAS EN LA INFORMADO

La informado pri Esperanto konsistas ĉefe el du agadoj: (1) la prezentado de materialo al neesperantistaj redaktoroj por aperigo en ties gazetoj, ĵurnaloj, enciklopedioj, radio-disaŭdigoj k. t. p., kaj (2) la redaktado de materialo por aperigo en niaj propraj informaj eldonaĵoj. Ĉi tiu artikolo donos konsilojn laŭvice pri tiuj du egale gravaj flankoj de sukcesa informprogramo.

**1. Informado al neesperantistaj redaktoroj**

La publiko ĉiam avide legas interesajn informojn. Tial, redaktoroj ĉiam provas meti tiajn informojn en siajn ĵurnalojn. Kiam redaktoro rifuzas, la kialo probable estas, ke li supozas, ke la informo ne estas vera aŭ ke ĝi ne sufiĉe interesos legantojn kompare kun la aliaj tiam haveblaj informoj. Eĉ kiam li havas iom da dubo pri la ĝenerala intereseco de la informo, li ofte aperigos ĝin en sia ĵurnalo se ĝi estas profesiece prezentita.

La leciono por Esperantaj informadistoj estas ĉiam agi profesiece. Tio signifas, ke oni devas ne manskribi manuskriptojn. Ili devas esti bone tajpitaj, kun duobla spaco inter la linioj, kun larĝaj marĝenoj kaj sen manskribitaj korektaĵoj aŭ aldonoj. Oni devas verki pri Esperanto en senerara nacia lingvo. Oni devas ne uzi en nacilingva teksto esperantajn esprimojn, ekz. „samideano", „Majstro", „verdstelanoj" k. s.*, nek traduki ilin en nacilingvaĵon nekomprenotan ĉe la legantaro. (Ekzemple, kiam oni tradukas „postkongreso"-n en la anglan lingvon kiel „post congress", la leganto komprenos „poŝtkongreso"-n aŭ „militbazkongreso"-n, sed nepre ne la ĝustan signifon.)

Multaj antaŭjuĝoj, kiujn havas redaktoroj kontraŭ Esperanto, kredeble kreskis el tiaj eraroj. En multaj landoj, la plejparto de la redaktoraro ne havas antaŭjuĝojn kontraŭ Esperanto, ĉar ili neniam aŭdis aŭ preskaŭ nenion scias pri Esperanto. La antaŭjuĝoj, kiujn ili havos pri Esperanto, probable estos la rezulto de viaj eraroj. Kiam redaktoro ricevas neprofesiece preparitan artikolon pri Esperanto, li ne nur havas malbonan impreson pri tiu arti

* Vd. „Por pli efika informado (3)", Ivo Lapenna, „Esperanto", februaro 1971, p. 27.

## KOMPUTEROJ DE TRIA GENERACIO

**Ĉar la komputeroj rilatas ankaŭ al la Ĵurnalista profesio kaj laboro, al la amasa informado ĝenerale, tial ni represas intervjuon de la direktoro de Instituto pri cibernetiko de Sciencakademio de Ukraina SSR Heroo de Socialisma Laboro akademiano Viktor Gluŝkov al Ĵurnalisto Oleg Gusev.**

En 1959 en unu el pavilonoj de Ekspoziciejo por avangarda sperto en nacia ekonomio de Ukrainio estis demonstrata maŝino, kreita de Kievaj cibernetikistoj. En la simpla kesteto kaŝiĝis potenco de „mankreita intelekto", kapabla antaŭscii ĉiujn gajnajn movojn de la ludo „krucetoj-nuletoj", per kiu amuziĝis en infaneco ankoraŭ niaj avoj-praavoj.

Tiu maŝino nur iomete similis la nuntempajn, kreitajn de la kievanoj (ĝustaloke diri, unue en Eŭropo) komputerojn. Kvanto kaj kvalito de la komputeroj post tiu tempo multe kreskis. Jen estas nur kelkaj modeloj de la lastaj jaroj: „Dnipro-1", la komplekso „Dnipro-2", „Prominj", la malgranda komputero „Mir-1" kaj la plej nova „Mir-2".

Kiomgrade disvastiĝos komputeroj jam en la plej proksima jardeko, kiajn perspektivojn por aplikado en malproksima estonto havas komputeroj? Ĉi demandojn mi adresis al la direktoro de la Instituto pri cibernetiko de Sciencakademio de Ukraina SSR, Heroo de Socialisma Laboro akademiano Viktor Gluŝkov.

— La fakuloj konsideras, ke jam en la unua duono de la sepdekaj jaroj komenciĝos renovigo de komputeraro, — diris la akademiano. — Kreitaj dum la unuaj jardekoj maŝinoj estos anstataŭigitaj per komputeroj de la tria generacio. La nova generacio de komputeroj estas konstruata surbaze de nur miniaturaj integraj skemoj kun grandaj logikaj eblecoj. Nuntempaj komputeroj, konstruataj surbaze de integraj skemoj kapablos plenumi po preskaŭ 10 milionoj da aritmetikaj operacioj ĉiusekunde. Ili ankaŭ ebligos konstruon de pli ampleksa „elektrona memoro". Kelkaj specifikecoj de komputeroj-konstruataj el grandaj integraj skemoj, ebli-

---

kolo, sed li ankaŭ ekhavas malbonan antaŭjuĝon kontraŭ la lingvo mem.

**2. Redaktado de priesperantaj informaj eldonaĵoj**

Redaktoro regas, pli rekte ol iu alia persono, la enhavon de ĵurnalo aŭ gazeto. Li ordinare faras tion precipe per la elektado de la plej taŭga materialo por sia eldonaĵo kaj per la adaptado de tiu materialo laŭ la celoj de tiu eldonaĵo.

Li ofte ankaŭ regas la formon de la eldonaĵo: la specon de papero, sur kiu oni presas ĝin, la presliterstilon k. t. p. Tiaj aferoj dependas plejparte de la kvanto de mono havebla. Konsilinde estas ŝpari monon alimaniere, ol per la malaltigo de la kvalito de la eldonaĵoj kiuj trafos la okulojn de la publiko. Same kiel la nacilingvajn redaktorojn, ankaŭ la publikon imponos profesiece prezentata materialo.

Kiel redaktoro de Esperanta gazeto aŭ bulteno, vi kredeble eldonos plejparte artikolojn verkitajn de neprofesiaj aŭtoroj. Tiaokaze,vi devos esti ne nur redaktoro, sed ankaŭ verkisto. Vi devas ne nur korekti gramatikajn erarojn, sed ankaŭ okupiĝi pri efika reorganizado de la enhavo de originalaj artikoloj. Ju malpli spertaj la aŭtoroj de la originalaj artikoloj, kiujn vi intencos publikigi, des pli estos bezonata via laboro kiel verkisto-redaktoro. Ju pli spertaj la aŭtoroj, des malpli pezaj estos viaj laboroj. Por ludi vian rolon plej efike, vi devos memori, ke la plej efikaj artikoloj kaj rakontoj en popularaj gazetoj:

(1) Kaptas la intereson de la legontaro per la titolo kaj la unua frazo.

(2) Tenas la unuan intereson de la legantaro per la prezentado de la plej trafaj faktoj unue. La malpli trafaj faktoj kaj detaloj devas atendi, ĝis la intereso de la legantaro estas tute kaptita. Ĉi tiu principo eble ŝajnas memevidenta, sed ĝi estas ofte forgesata.

(3) Ofte tenas la kaptitan intereson de la legantaro per demando, al kiu oni ne respondas ĝis la fino de la artikolo aŭ rakonto.

Ĉi tio ne signifas, ke oni mensogu aŭ trompu. Ĝi signifas nur, ke la redaktoro devas sin demandi, ĉu la materialo estas organizita kiel eble plej efike. De tempo al tempo, artikolo malmulte legata povas fariĝi avide legata per la rearanĝo de ĝia enhavo, sen la aldono aŭ eligo de iu fakto.

Krom rearanĝi la enhavon, la redaktoro de tempo al tempo devas fari ŝanĝojn por klarigi la enhavon kaj faciligi la legadon de la artikolo. Ekzemple, li devas foje forstreki nenecesajn vortojn aŭ anstataŭigi neordinarajn vortojn per ordinaraj vortoj (kiam tio estas ebla sen ŝanĝo de la signifo de la frazo). Kelkfoje, li eĉ devas forstreki tutan alineon, kiam ĝi ne helpas klarigi la temon de la artikolo. Ordinare la redaktoro malplilongigas, sed de tempo al tempo li devas plilongigi por plej efike klarigi la enhavon al la legantaro.

Artikoloj prenitaj el profesinivelaj gazetoj supozeble bezonos malpli de via redaktlaboro, ol originalaj artikoloj de nespertaj aŭtoroj. Sed parto de la evhavo de tiaj artikoloj ofte ne rilatas al la temo de via gazeto. Tiaokaze, vi devas elekti nur partojn de tiaj artikoloj. Kiam vi faras tion, vi devas certigi, ke via legantaro scios, ke ili ne legos en via gazeto la tuton de la originala artikolo. Preferinde, vi devas indiki ne nur, ke la originala artikolo estas malplilongigita, sed ankaŭ de kie en la artikolo vi elprenis partojn. Ĉiuokaze, vi devas zorgi, ke la signifo, kiun la aŭtoro intencis, ne estu ŝanĝita. Kaj vi devas indiki al la legantaro, kie ĝi povos trovi la tutan artikolon.

Kiel redaktoro vi estas la lasta persono, kiu aprobas aŭ ŝanĝas la enhavon de via eldonaĵo. Vi faras vian laboron bone, se tiu enhavo, kiel ĝi estas finfine eldonita, estas kiel eble plej inform plena, preciza, interesa kaj klara-

gos plirapidigon de kalkulado proksimume 30-oble jam dum la sekvanta jardeko. Kaj la plej grandaj komputeroj, kreotaj en la sepdekaj jaroj, kalkulos kun rapido proksimiĝanta en unu miliardo da operacioj ĉiusekunde.

Esploristoj ekhavos grandegajn eblecojn. Unu potenca maŝino povas esti instalita je iu ajn distanco de la aparatoj, liverantaj ĝin per informaĵo, kaj povas labori por pli multnombra klientaro, solvante plej diversajn taskojn. Kaj sur ekrano, simila al la ordinara televida, la esploristo havas eblecon rigardi rezultojn de sia laboro — desegnaĵojn, fragmentojn de teorempruvo ks. Fine de la sekvanta jardeko similaj operacioj se ne amasiĝos do almenaŭ ekhavos praktikan signifon.

Al konstruisto, ekzemple, la maŝino montros sur ekrano elementojn de konstruaĵdesegnaĵo, diversajn grafikaĵojn. Inĝeniero, taksante rezultojn de laboro de komputero, povas donadi instrukciojn por plua ŝanĝo de la projekto, kaj la maŝino plenumos ĉiujn kalkuladojn, finpreparos la desegnaĵojn.

Alivorte, inter konstruistoj aperos aŭtomato-projektanto. Se nuntempe programisto ofte kvazaŭ „laborpaŭzas" ĉe sia laborloko dum la komputero laboras, en la sekvanta jardeko kaj homo kaj komputero povos labori pli intense, solvante pli komplikajn taskojn, ekzemple, de aŭtomata projektado, pli rapide efektivigi multajn sciencajn esplorojn, ŝanĝante kuradon de kalkulproceso. Kievaj cibernetikistoj, uzante kelkajn modelojn de maŝinoj, ekzemple „Mir-2", jam nun parte efektivigis ĉi revon. Dum la sepdekaj jaroj tiaj tendencoj ĉefiĝos en uzado de komputeroj.

Perfektigante teknologion de komputerproduktado kaj iliajn funkciadrapidecon kaj produktivecon, la cibernetikistoj strebas fari maŝinon, ekspluateblan eĉ de nefakuloj.

Se nuntempe komputeroj plejokaze estas uzataj unuope, en estonto ĉe neceso solvi pli komplikajn taskojn, ekzemple, gvidi ekonomion de tuta lando, potencajn eblecojn de maŝinoj estos necese unuigi en unuecan sistemon, en „elektronan pugnon", kiu povos tracati sekretojn de iuj ajn sciencaj kaj produktadaj enigmoj. La nova organizo necesigos interŝanĝon per informaĵoj inter la komputeroj mem. Ĉi proceson oni povas ankaŭ aŭtomatigi kaj tiamaniere solvadi „elektronhelpe" la problemojn, konsideri tajn antaŭe nesolveblaj. Ekzemple, komputerhelpe oni povos rapide trovi en grandega biblioteko, enhavanta milionojn da volumoj, ne nur necesan libron, sed ankaŭ paĝon kaj alineon, havantan sciojn, kiuj interesas la esploriston.

Unuigita kun komputeroj komuniksistemo povos ne nur transdoni informojn, sed ankaŭ helpi en formigo, enmemorigo, prilaborado de informaĵo. Ĉispeca sistemo similas jam nun vaste disbranĉitan energetikan sistemon. Avantaĝo de unuigita informsistemo nun fariĝis evidenta por ĉiuj.

Vere, malprofitodone ja estas, ekzemple, havi eĉ ĉe plej grandaj fabrikoj komputeron, kiu devus malfunkcii, ekzemple, nokte aŭ dum rekonstruo de teknologia procedo. Pli simple estas ja mendi ĝian „intelekton" ĉe unuiĝinta centro de maŝinoj por difinita tempo, kvazaŭ lupreni aliloke. Se iu maŝino en alia urbo mendas necesajn por ĝi sciojn, „Loka" maŝino kvazaŭ „enrigardas" memoron de la alia kaj, ricevinte menditajn informojn, kun granda rapido transdonas ilin sen iu ajn homlaboro.

Efektiveco de unuigo de apartaj aŭtomatigcentroj estas nekontestebla, la unuigo levas ĉiujn kalkuladojn sur nova, pli alta nivelo. Jam nun, plenumante kompletigon de maŝinoj, oni penas iomgrade ilin unuecigi kaj perfektigi ankaŭ metodojn de uzado de komputeroj.

Verŝajne, komputeroj ne tre amase enĉiutageciĝos dum la plej proksima jardeko. Sed ilia amasa enpraktikigo jam fundamentiĝas. La unua tereno estas komputera informservo por kutima ĉiutaga informado, do, siaspecaj cibernetikaj ĵurnaloj, kiujn oni povas legi hejme, preminte butonon kun nomo de koncerna presorgano. Sur ekrano tuj eklumos mendita de la leganto paĝo aŭ foto.

La tasko de sciencistoj estas konstrui sistemon, kiu ebligos al miloj da instruistoj ambaŭflankan interŝanĝon per informaĵo kun milionoj da aŭskultantoj. Ideale ĉi problemon oni povas imagi kiel planedon-lernĉambron, en kiu ĉiu per helpo de kontakta komputero povas rapide interligiĝi kun la interparolanto, troviĝanta en iu ajn anguleto de terglobo. Ĉi tio estas ankaŭ fantazio, sed ĝi enhavas nenion teknike neeblan.

**Elukrainigis V. Miŝĉenko**

# NEŬTRALECO

La demando pri neŭtraleco en la esperantista socio fariĝas ĉiujare pli aktuala. Ĝia signifo por niaj institucioj kaj tutmondaj fakasocioj ne ĉiam koincidas kun ĝia signifo por naciaj, religiaj kaj aliaj propagandaj organizoj.

Estas do oportune difini, kiel eble plej klare, ĝian efektivan rilaton al niaj diversaj agadoj.

La vorto neŭtrala havas en si mem multe da neprecizaj nuancoj. Tial ni frontas problemojn, kiujn ni ne povos solvi sen subtila kaj instinkta sento pri kio estas deca aŭ diskreta en iu situacio. Plue, estas evitinde treti sincerajn opiniojn de oponantoj sen rezona diskutado. Tio rezultigas ofendon sen progreso, kaj tro ofte bremsas bonajn reformojn.

PIV citas dirajon „estas malfacile politiki, kaj ne polemiki“, kaj ni aldonu, ke, por tro impulsa reformisto estas malfacile diskuti, kaj ne disputi. Prefere nia mieno estu firma, sed digne aŭskultema.

Kie do ni staras rilate tiun problemon de neŭtraleco? Ni scias, ke esperantistoj estas individue treege diversaj, ne nur laŭ nacieco, sed laŭ kredoj, opinioj, gustoj, karakteroj, temperamentoj... Sed mi sugestas, ke ni simpligos nian taskon, se ni provizore rigardos nin kiel homogenan popolon. Nia komuna patrujo estas la planedo Tero; nia registaro estas la gvidantaro de niaj bazaj institucioj (Akademio, UEA, Universalaj Kongresoj); kaj nia konstitucio konsistas en la Fundamento, kune kun la Bulonja kaj Munkena Deklaracioj. Ni ankaŭ havas, kiel aliaj popoloj, niajn unikajn tradiciojn, precipe bazitajn sur la verkoj kaj paroladoj de Zamenhof. Al ĉio ĉi ni devus esti ĝenerale lojalaj, kaj sur ĝi ni devus, se ni volas gajni la respekton kaj atenton de la publiko, konstrui propran politikon.

Kian politikon?

Ni ĉiuj konsentas, ke Esperanto mem estas komunikilo, t. e., aparato por transdoni pensojn, same kiel telefono, prestipo aŭ mansigno. Ĝi estas nenies propraĵo, kaj samtempe ĉies propraĵo. En si mem ĝi estas sen ia ajn politika aŭ tendenca signifo, kaj ĉiu homo rajtas uzi ĝin libere, eĉ pro malbona motivo.

Nia organizita movado ekzistas antaŭ ĉio por disvastigi ĝin egale tra la homaro, sen diskriminacio, ĉar ni kredas, ke ĝi eventuale akcelos la influojn de pacigo, progreso kaj prospero.

Sed en iuj landoj tiaj influoj estas ankoraŭ tre malfortaj. Potencavidaj regantoj foje severe limigas la liberecon kaj vivkondiĉojn de civitanoj. Tiaj kazoj prezentas al ni dilemon. Se nia poresperanta agado kaj niaj gazetoj ne restos neŭtralaj, oni eble cenzuros, eĉ proskribos ilin, kaj ni perdos nian laborkampon. Aliflanke, se ni ne kuraĝe protestos kontraŭ evidentaj maljustaĵoj, ni perfidos niajn tradiciojn.

Nia politiko estas do kompleksa sed senduba. Ni devas serĉi efikajn rimedojn, diskrete kaj prudente aplikeblajn, por dissemi toleremon, klerigon kaj bonvolon en kaj inter ĉiuj landoj. Nia literaturo devas implice kondamni perforton, krimon, agreson, malrespekton al fundamentaj homaj rajtoj, kaj aliajn retrogresaĵojn. Sed rilate al sinceraj filozofiaj, religiaj kaj etikaj kredoj, kaj la de si mem elektitaj regsistemoj de aliaj ŝtatoj, ni restu strikte neŭtralaj. Ĉiu havas privatan rajton reklami ilin, sed ne perforte trudi ilin al malpli fortaj kunteranoj.

Cetere, ni rekonu, ke multe da krima agado estas efektive patologia malsano. Ni traktu ĝin firme sed simpatie, kaj defendu la viktimojn. Estas ankaŭ konate, ke militantaj instancoj ofte elmetas raportojn troigajn, trompajn, eĉ inventitajn, precipe pro strategiaj motivoj. Sed tiaj specialaj faktoroj malofte ĝenas niajn esperantajn redakciojn; niaj organoj devus esti ĉiam kiel eble plej fidindaj kaj kuraĝe malkaŝemaj.

Resume mi opinias, ke la centra kolono de nia esperanta politiko hodiaŭ estas reliefigi la nomojn de ĉiuj ŝtatoj, kies instancoj malhelpas aŭ rifuzas faciligi la disvastigon aŭ uzadon de la internacia lingvo, kaj kulpigi ilin pri mezepokeca obskurantismo antaŭ la cetera mondo.

AVOTO
Anglio

## Tra la ĵurnalisto mondo

### USSR

#### La socio kaj la rimedoj pri amasa informado

Al tiu ĉi temo estis dediĉita simpozio de ĵurnalistoj el aziaj kaj afrikaj landoj, organizita de la asocioj de l' ĵurnalistoj en USSR kaj Armena SSR en kunlaboro kun UNESKO. En la laboro de l' simpozio, kiu okazis en Erevan, partoprenis reprezentantoj de gazetaro kaj televidado el Alĝerio, Afganistano, Ganao, Hindio, Irano, Irako, Kongo (Brazivilo), Kongo (Kinŝasa), Libio, Madagaskaro, Nigerio, UAR, Sirio, Somalio, Sudano, Tanzanio, Ugando, Suda Jemeno kaj ĵurnalistoj el sovetaj respublikoj Azerbajĝano, Armenio, Kazaĥstano, Kirgizio, Taĝikistano kaj Uzbekistano. La aktualeco de la problemoj, devenantaj el la historia fakto de socialaj transformiĝoj, kiuj okazas en Azio kaj Afriko — liberiĝintaj el sub kolonia dependeco kaj batalantaj por nacia suvereneco kaj por disvolvado de sia ekonomiko — determinis la vastan reprezentecon de la fremdaj ĵurnalistoj en la simpozio.

Ili aŭskultis kun intereso la referatojn de l' sovetaj sciencistoj J. Zasursku „La rimedoj de amasa informado kaj la socio", de B. Dacjuk „V. I. Lenin pri la rolo de gazetaro en la vivo de l' socio", de K. Dalakjan „La soveta gazetaro en Armenio dum 10 jaroj", de R. Ovsepjan „Aktualaj problemoj de l' nacia gazetaro (iuj laŭleĝaj aperaĵoj) kaj de A. Ibrahimov „La soveta gazetscienco kaj la rimedoj de l' informado en la disvolviĝintaj landoj".

La progresemaj ĵurnalistoj el landoj de Azio kaj Afriko per speciala intereso konatiĝis kun la laboro de l' ĵurnalistoj el sovetaj respublikoj en Mezazio kaj Transkaŭkazio.



### Jugoslavio

#### Eldonkvanto de l' ĉiutagaj gazetoj

La gazeto „Naŝa ŝtampa" (Nia gazetaro)— organo de la Asocio de la ĵurnalistoj en Jugoslavio, publikigis informojn pri la meza eldonkvanto de ĉiutagaj gazetoj dum la periodo januaro—septembro 1970 jaro. La suma eldonkvanto de 23 ĵurnaloj atingis meznombre 1 687 593 ekzempleroјn. Nur kvin ĵurnaloj havas eldonkvanton pli grandan ol 100 000 ekzempleroj. Unualoke staras „Večerni novosti" (Vesperaj novaĵoj) en Beogrado — 335 222, sekvata de „Politika" (Politiko) — 264 000, „Politika ekspres" (Politiko-ekspreso) 171 341, „Večerni list" (Vespera folio) — 126 663 kaj „Vestnik" (Gazeto) en Zagrebo — 102 663 ekzempleroj. „Delo" (Afero) en Ljubljano staras je sesa loko kun 87 703 ekzempleroj. La centra organo de la Socialisma unio de la laborpopolo, la gazeto „Borba" (Batalo), staras je dektria loko kun eldonkvanto 35 222 kaj „Nova Makedonio" — je deksepa loko kun 28 664 ekzempleroj.

## Edinburgo — urbo de la kulturo kaj de la 27a kongreso de TEJO

Ĉi-jare, la Internacia Junulara Kongreso de TEJO okazos en Edinburgo, ĉefurbo de Skotlando, plej norda provinco de Britio. Ĝi tuj sekvos la Universalan Kongreson en Londono.

Edinburgo iam priskribiĝis kiel "Ateno de la Nordo" pro sia klasika arkitekturo, trankvila etoso kaj abundo de lertuloj en ĉiu kampo de scienco. Fakte, ĝi estas „Edinburgo de la Nordo", ĉar ĝia karaktero estas tute propra. Riĉriĉa pri historio, ĝi estas ankoraŭ moderna urbo de komerco, guverno kaj iom da industrio. La Arta Festivalo de Edinburgo estas mondfama. Pasintjare okazis en Edinburgo en specialaj, novkonstruitaj stadionoj, la Ludoj de Britia Komunumo. Ĉiu strato, preskaŭ ĉiu domo en la Malnova Urbo, havas apartan historion, kaj la „Nova Urbo" (fakte, jam staris dum pli ol du jarcentoj!) estas modelo de novklasika belstilo.

La kongresejo estas universitata studenta domo, tre komforta kaj kapabla provizi la tutan programon krom la balon, kiu okazos aliloke. Jam la loka komitato strebas aranĝi programon allogan, interesan kaj ĝuindan. Ekster la kongreso mem ekzistas ĉiu tipo de distro en la urbo: teatroj, kinejoj, muzeoj, bestĝardeno, historiaĵoj, kluboj, ktp. Kaj ĉirkaŭ Edinburgo troviĝas iuj el la plej belaj kamparoj en Eŭropo — la lagoj, montoj, kasteloj kaj erikejoj de Skotlando.

La temo de la kongreso estas: Junularo kaj Kulturo, — kia perfekta loko por tia temo! Ĉe ĉiu flanko oni vidas ekzemplon de unu kulturo aŭ alia — arkitekturo, literaturo, pentrado, filozofio, muziko . . .

Sendube tio estos memorinda kongreso. Pliaj informoj ĉe:

27a IJK, 22c Newbattle Terrace,
EDINBURGH EH10 4RT,
Skotlando, Britio

**David Kelso**
prezidanto LKK

Ĉiu konscia teĵano devas pagi regule sian membrokotizon kaj kunlabori al nia presorgano „Internacia Ĵurnalisto" per artikoloj, informoj, fotoj k. a.!

— Centa datreveno de la naskiĝo de Vl. I. Lenin — tezoj de CK de KPSU. Broŝuro 40-paĝa. Eldonas: Unuiĝo de Societoj de amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksteraj landoj, Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskva, USSR.

— Paco—soveta eldono, n-ro 4—5 1970, 52-paĝa, ilustritaj kovriloj. Riĉenhava broŝuro kun multaj materialoj pri Lenin, liaj faro kaj ideoj.

— Klereco por hodiaŭ kaj morgaŭ, 68-paĝa libro kun multaj kulturaj, lernejaj k. a. faktoj pri Germana Demokratia Respubliko. Eldonejo: Zeit im Bild, DDR.

— Rimini — Riviera, Italio — bone ilustrita turistprospekto pri la mondkonata itala marurbo, kun mapo. Eldonita en itala lingvo kun suplementa aldonfolio en Esperanto.

— Castel san Pietro terme — multpaĝa grandformata prospekto pri la antikva urbeto, bone ilustrita kun mapo, eldonita en Esperanto.

— Ukraina Soveta Socialisma Respubliko — 24-paĝa ofseta broŝuro, entenanta notojn kaj faktojn pri tiu soveta respubliko—ekonomiaj, kulturaj k. a. Eldonis: Fremdlingva Eldonejo.

— Tra Soveta Ukrainio, n-ro 6/970. La libreto grandformata enhavas interesajn kulturajn materialojn, aparte pri Lesja Ukrainka, okaze de la 100 jaroj de la naskiĝo de la granda ukraina poetino.

— En Italio por viaj rendevuoj kun la suno. Prospekto ilustrita pri la italaj fervojoj, en Esperanto.

— Bonvenon al Gotenburgo — faldfolia ilustrita prospekto kun mapoj. Eldono de Turist-Trafika Asocio de Okcidenta Marbordo, Gotenburgo.

## DISTINGITA TEĴANO

Pro modela instrulaboro kaj aktiva socipolitika agado nia teĵano Canko Murgin estas dekorita per la alta ordeno „Kiril kaj Metodi" — dua grado — de la Prezidantaro de la Popola Asambleo de Bulgario. Ni gratulas al la distingito la ordenon kaj bondeziras al li sanon kaj fruktodonan instruan, poresperantan kaj socian laboron.

## „Stelo de Eŭropo kaj Esperanto"

Laŭ sciigo de s-ano Poloŝkey el Budapeŝto en aŭgusto aperos la unua n-ro de la mikromagazino „Stelo de Eŭropo kaj Esperanto", oficiala revuo de esperantistoj ĵurnalistoj kaj pedagogoj — raportistoj de televidaj kaj radio-stacioj de Eŭropo. Adreso: Budapest P. O. 119, poŝtfako 16, Hungario.

## NIA POŜTO

— Emil Mayer, Krakow, Pollando. Dankon pro la letero kaj konsento fariĝi reprezentanto kaj komitatano de TEĴA por Pollando. Al s-ano Avoto ni skribis responde al liaj leteroj. Kun la araboj ni havas kontakton nun kun s-ano Megalli. Bv. sendi al la redakcio la tradukitajn arabajn materialojn.

— Ervin Fenyvesi, Budapest, Hungario. Vi povus pagi per la menciitaj libroj.

Ĉiuj membroj de TEĴA, kiuj partoprenos la Universalan kongreson de Esperanto en Londono estas petataj sin anonci al la redakcio de „I. Ĵ"

## Nova membro de TEJA

— Ladislav Spina, ul. Kosmonautu 358, **Liberec** 5, Cehoslovakio. (B-membro)

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98**
**Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redakta komitato: Rajna Konstantinova, Minko Conkovski**
**kaj Petja Ĉakova**